# La Bulteneto

Numero 42 ❁ Jaro 2019

DULINGVA MAGAZINO ELDONATA EN VIENO







## La Frenezula Turo kaj la reformema imperiestro Jozefo la Dua

Paĝo 3

## Julia Isbrücker-Jaro 2020 Invito al kunlaboro

Paĝo 7





# La Bulteneto

Numero 42 • Jaro 2019

Redaktejo - eldonejo - presejo:

Rudolfinergasse 8/11, 1190 Vieno, Aŭstrio, Eŭropa Unio.

esperanto@chello.at.

Fotoj kaj tekstoj: Renate kaj Walter Klag

Sur la unua paĝo:

La Frenezula Turo kaj imperiestro Jozefo la Dua

Papero: Mondi Color Copy 120 g $m^{-2}$.

Unverkäufliche, private Ausgabe – Nevendebla, privata eldono



# La frenezula Turo kaj la reformema imperiestro Jozefo la Dua




*La germana imperiestro Jozefo la Dua sur monero pregita 1768 en Vieno. La nominalo estas 30 Kreuzer [krojcer] respektive duona Guldeno aŭ kvarona Talero.*

En la 9a distrikto de Vieno, sur la tereno de la universitata kampuso, staras stranga konstruaĵo: La Frenezula Turo (paĝo 1). Ĝi estas ronda, kvaretaĝa, havas internan korton kaj servas nun kiel muzeo por medicinaj objektoj, la patologi-anatomia kolekto, kiu estas publike alirebla. La turo estis konstruita en la 1780aj jaroj sub la regado de la

germana imperiestro Jozefo la Dua, la filo de la reĝino Maria Theresia. La vienanoj nomas la turon „Gugelhupf”; tio estas ronda kuko kun truo en la mezo. Se iu iom strange kondutis, oni diris: „Tiu venos en la Gugelhupfon!”, ĉar unue la turo estis frenezulejo.

Antaŭ la regado de Jozefo la Dua oni metis frenezulojn simple en kelon, ĝis ili trankviliĝis. Sed fine de la 18a jarcento oni ekkonis, ke frenezeco estas malsano kuracebla. La konstruaĵo tiam estis tre moderna, ĉar en ĝi instaliĝis hipokaŭsta hejtinstalaĵo, la unua post la romia epoko (en Vieno de la 1a ĝis la 5a jarcento).



*La fasado de la iama Ĝenerala Hospitalo en Alser Straße (Als-Strato), aktuale universitata kampuso.*

Jen la plej gravaj reformoj de Jozefo la Dua:

1781 li deklaris la liberecon de la religioj. Tio koncernis la evangelian kaj ortodoksan ekleziojn, ankaŭ la judojn.

Jozefo malfondis pli ol 300 monaĥejojn, se ties gemonaĥoj ne okupiĝis pri instruado, flegado de malsanuloj aŭ animzorgado. Samtempe li fondis religian fonduson por reformi la eklezian administradon.



*La plej bela konstruaĵo el la regadotempo de Jozefo estas Josefinum (9a distrikto, Währinger Straße).*
*En ĝi troviĝas nun kolekto de anatomiaj vaksmodeloj.*

Jozefo nuligis la cenzuron; sekve estiĝis vigla literaturo.

Maria Theresia ŝatis la pompon kaj postlasis palacojn. Jozefo subtenis karitatajn instalaĵojn. Li konstruigis la Ĝeneralan Hospitalon en la 9a distrikto de Vieno – hodiaŭ universitata kampuso – kaj plibonigis la edukadon de la kuracistoj. Sekve la Viena Medicina Skolo iĝis mondfama en la 19a jarcento. En la Ĝenerala Hospitalo troviĝis ankaŭ lernejoj por kuracistoj kaj loko, en kiu virino povis anonime naski infanon aŭ en sekura loko formeti naskitan infanon.

Jozefo realigis efikan ŝtatan burokration, kies oficistoj decidis laŭ precize formulitaj leĝoj. Paralele li nuligis kelkajn privilegiojn de la nobeloj kaj ties specialajn tribunalojn.
1781 Jozefo nuligis la servutecon. Tamen la kamparanoj restis subuloj de nobeloj ĝis 1848.

Jozefo ordonis la solan uzadon de la germana lingvo en la habsburgaj landoj – ne pro naciismo, sed por faciligi la administradon.

Ankoraŭ antaŭ sia morto la 20an de februaro 1790 – li iĝis nur 49-jaraĝa – Jozefo devis nuligi kelkajn el siaj reformoj. Aliajn reformojn faritajn de li formetis liaj posteuloj. Nur en 1848 kaj 1918 multaj reformoj realiĝis, kiujn Jozefo jam planis.



*Josefsplatz (Jozefa Placo) troviĝas en la unua distrikto de Vieno. Jen Jozefo kiel romia imperiestro sur ĉevalo.*

# Julia Isbrücker-Jaro 2020
# Invito al kunlaboro

2020 estos la 100a datreveno de la 12a Universala Kongreso en Hago (1920). Julia Isbrücker (kun-)organizis ĝin. La realigo de tiu kongreso pruvas, ke ankaŭ granda milito ne povas neniigi nian lingvon. Julia (kun-)fondis Internacian Esperanto-Instituton IEI kaj Universalan Ligon UL kaj (kun-)eldonis la metalajn Stelo-monerojn, kies nominalo estas unu, 5, 10 kaj 25 Steloj.

Sur la 100-Stela monero 2018 aperis viro: René de Saussure, la inventinto de la universala mono Spesmilo. Tial sur la 50-Stela aperu virino. 2020 mi planas eldoni arĝentan 50-Stelan moneron - simila al la Maria Theresia-Taler - por la honoro de Julia.




Mi jam kolektas materialon pri Julia. Ekzemple oni povas tiun materialon uzi por vikipedia artikolo. La ekzistanta artikolo pri Julia ĵus tradukiĝis en la persan.

La kolektita materialo aperos kaj en la formo de vikipediaj artikoloj en diversaj lingvoj kaj kiel broŝuro.

Bonvolu sendi al mi tekstojn kaj fotojn de kaj pri Julia. En la fina eldonaĵo via nomo estos menciita.

Salutas el Vieno Walter Klag, esperanto@chello.at.



# Internationales Esperanto-Museum

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☎ 0043 1 534 10 730 💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.**



Im selben Haus befinden sich auch die
**Sammlung für Plansprachen**,
die
**Musikaliensammlung**
und das
**Globenmuseum**